# PENSEO

**N-ro 129**

*JUNIO/2002*

Monata Beletra Revueto en Esperanto
Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 **http://anteo.topcities.com**


*Originala Prozo*

## FRAGMITFLORARO LEĜERE FLIRTANTA

**Wu Tiejun**

Sur la mar-bordo apud la haveno Da-Dong, situas fragmito-lago etendiĝanta plur-dek kilometrojn. Neniu povas certigi: en kiu epoko retiriĝis la marakvo sub nebulo aŭ blua ĉielo kaj kiu plantis la jade ondantajn fragmitojn.

Tamen, neniu el ĉitieaj loĝantoj ne ĝue ricevis jaro-post-jare la verdan sindonon de fragmitoj , la sento de la lokanoj al la fragmitoj densas kiel fiŝisto al maro, ĉasisto al monto kaj kampano al tero.

Ĉiufoje starante antaŭ la altega monumento por herooj, mi fluigas el mi la penson ŝvebi tra la fragmitoj skuiĝantaj kaj la leĝere flirtantaj fragmito-floroj…

Kiom da rakontoj en infanaĝo! En memoro, kiam alproksimiĝas la Drakboata Festo en somero, oni sinsekve venas al la fragmito-lago kolekti la foliojn de fragmito, por prepari "zongzi-ojn", la bongustajn manĝaĵojn envolvitajn per fragmitaj folioj.

Ni infanoj senzorge amuziĝas ĉirkaŭ plenaĝuloj, ofte fuŝas tufojn da prosperaj fragmitoj. Tia ludaĉo kompreneble kaŭzas riproĉon al ni, sed tuj post la falo de skoldo, ni reludaĉas simile, ĝis pleaĝuloj nur ĝemete rigardas nin.

Se iu el ni senfeliĉe je piedo pikitas de fragmita stumpo, sur la fragmito-lago do leviĝas akra ploraĉo. Tiam plenaĝulo do ŝimiras la vundon per tero kaj deŝiri du fragmitajn foliojn volvi la vunditan piedon, dirante ke la folioj povas favore kaj ĉesigi elfluon de sango kaj senigi doloron.

Konsolante, plenaĝulo deŝiras plur fragmito-foliojn kaj faras ventradon, kiu turnigadas senĉese en vento. Rigardante la rapide turniĝantan verdan ventradeton, vundita infano tuj forgesas doloron.

Poste, mi plenaĝas kaj forlasas la fragmito-lagon, sed la sopiro al ĝi ĉiam kaptas min. Mi rememoras la varmigitan ter-liton en kamparana hejmo, mi ŝatas dormi nuda sur la fragmita mato sub varmeta litkovrilo, ĝui ĉarman sonĝon kaj vekinte karesi la haŭton stampitan per strioj de fragmita mato…

Mi ofte al amikoj fanfaronas la fragmitojn de hejmloko. Kial ne?

Oni bezonas fragmitojn ŝmiratajn per mortero por konstrui tegmenton kaj murojn de la domo; per fragmitoj oni plektas korbojn uzeblajn por porti furaĝon al bruto, kaj kribrilojn uzeblajn kribri grenon, kaj kurtenojn uzeblajn fari rondforman ujon rezervi grenon. Tiam oni ĉiutage brulias fragmito-foliojn por kuiri. Se apud ies domo ne troviĝas stakego da fragmito, la maestro de tiu domo certe estas kondamnita de najbaroj, ke li estas mallaborema.

La plej plezura afero por ni estas elekti plurajn fragmito-bastonojn kaj paperon por fari kajton kun fajfilo, kaj ĝin kunporti al la digo de fragmito-lago por ĝin flugigi. La kajto fajfanta soras alten, tirante longan linion, tirante freŝan revon.

Se estas ĉe "Kajto-Festo" , oni povas ĝui multe da mirakloj. Diversformaj koloraj kajtoj ŝvebas plene sur ĉielo. Kiel bela vidindaĵo! Iuj kajtoj similas al koloraj hirundoj, aliaj al skolopendroj, kaj triaj vidiĝas kiel simio-regoj.

Ili flugas alte preskaŭ animite vivantaj. Ĉiu el ili povas esti kalkulata kiel bela artaĵo. Oni diras, ke iu eĉ partoprenis en internacia konkurso pri farado de kajtoj!

En lastaj jaroj, ĉe mia hejmloko okazis grandaj ŝanĝiĝoj. Sed mi tagnokte sopiras al la fragmito-lago kor-obsedanta, kaj ofte motobiciklas tien por serĉi la delikate neeldireblan senton.

Larĝa ebena ŝoseo jam anstataŭas la antaŭe kotozan vojon. Oni povas rapide veturi laŭ ŝoseo kaj ĝui prezuron tra la fragmito-lago. Tiam, la animo de veturanto ŝajne jam purigite sublimas kaj kontentiĝas.

Oh, jam estas la sezono kun flirtante fragmito-floroj: leĝeraj floroj kiel neĝeroj, ŝvebas flirte, senlime, delikate, kaj romantike… Mankas al mi pli belaj vortoj por priskribi tion.

Lastatempe, kiam la fervojo etendiĝis tra ĉi fragmito-lago, la ekstera lando komencis enfermi ĝin kaj pro tio malgrandiĝas la fragmito-lago iom post iom.

Pluraj ŝoseoj kaj fervojo partigas la fragmitlagon en kelkajn pecojn; nove konstruitaj domegoj mordetadas ankaŭ ĝin; nova granda elektrejo okupas la pecegon el ĝi; la ondego de grandskala konstruado fine englutos ĉi oazon donacitan de naturo-kreinto al la homa mondo.

Vidante tian ŝanĝiĝon, mia animstato komplikiĝas. Mi ne scias, ĉu mi ekscitiĝas pro la prospero de ĉitiea hodiaŭo aŭ ĉu mi sentas triston pro la malapero de ĉitiea hieraŭo. Tiam, mi ekpensas pri la artikolo *Karaktero de Pinoj*, verkita de s-ro Tao Zhu, kaj ankaŭ la brilajn versojn el *Kanteto de Kalko* farita de antikvulo Yu Qian.

La fragmitlago de hejmloko, kvankam vi nereteneble retiriĝas el nia vidkampo, via merito tamen ĉiam brilas kiel steloj sur la ĉielo de la koroj de loĝantoj ĉe Da-Dong Haveno.

En mia menso mi sopire tenas la fragmito-lagon, plenan je infanaĝa plezuro kaj grandiozan kiel maro. Oh, la vaste etendiĝanta senlime verda ondaro, la fragmita floraro leĝere flirtanta…



## EL *LAŬZI*



### ĈAPITRO 51

(Tiu ĉi ĉapitro elvolvas la ideon, ke la Taŭo estas la supereno super ĉiuj estaĵoj. La Taŭo estigas kaj nutras ĉiujn estaĵojn per "senagado", kaj ĉiuj estaĵoj kreskas dank' al la Taŭo. Kaj tamen, la Taŭo tute ne atribuas al si la meriton. Laŭzi nomas tion ĉi "la profunda Virto".)

La Taŭo donas vivon al ĉiuj estaĵoj,
Kaj la Virto ilin nutras.
La materio donas al ili formon laŭ ilia speco,
Kaj la cirkonstancoj ilin perfektigas.
Tial ĉiuj estaĵoj senescepte kultas la Taŭon kaj adoras la Virton.
La kulto al la Taŭo kaj la adoro al la Virto,
Ne truditaj per ordono, estas manifestiĝoj de la naturo.
Tial la Taŭo donas vivon al ĉiuj estaĵoj,
Kaj la Virto nutras ilin,
Kreskigas ilin kaj disvolvas ilin,
Fruktigas ilin kaj maturigas ilin,
Flegas ilin kaj protektas ilin.
Doni vivon al ili sen ilin posedi,
Meti ilin en movon sen atribui al si la meriton,

Kaj esti ilia suvereno sen ilin regi,
—Ĉio ĉi estas nomata la profunda Virto.

## ĈAPITRO 52

(Tiu ĉi ĉapitro pritraktas la fundamenton de ĉiuj estaĵoj — la Patrinon aŭ la Taŭon. Laŭ Laŭzi, se oni nur sekvas la principon de la Taŭo, neniu el ili povas renkonti danĝeron dum sia tuta vivo. La principo estas: serĉi neniajn sciojn kun okuloj fermitaj kaj oreloj ŝtopitaj, sin okupi pri nenia entrepreno kaj okupi malfortan pozicion. Laŭzi prenas la retiriĝon kiel rimedon de sindefendo, kaj opinias, ke oni povas eviti ĉian malfeliĉegon per perceptado de subtilaĵoj kaj per gardado de siaj moleco kaj malforteco).

Ĉiuj estaĵoj en la universo havas sian originon en io,
Kio povas esti rigardata kiel ilia Patrino[1].
Tiu, kiu konas la Patrinon,
Povas koni ŝiajn infanojn[2];
Kaj tiu, kiu konas la infanojn,
Povas firme alkroĉiĝi al la Patrino
Kaj tiel renkonti nenian danĝeron dum la tuta vivo.
Ŝtopante la aperturojn kaj fermante la pordojn[3],
Oni povas eviti ĉian malsanon dum la tuta vivo.
Malfermante la aperturon kaj sin okupante pri pli da aferoj,
Oni estas nesavebla ĝis sia lasta tago.
Tiu, kiu povas percepti subtilaĵojn, estas sagaca;
Kaj tiu, kiu gardas siajn molecon kaj malfortecon, estas potenca.
Uzu do vian entenatan lumon,
Revenu al via sagaceco,
Kaj vi estos libera de ĉia malfeliĉego —
Jen la praktikado de la eterna Taŭo.

[1] T.e. la Taŭo (Vd. Ĉap. 1, 20, 25).

[2] T.e. ĉiuj estaĵoj.

[3] Ĉi tie la "aperturoj" kaj la "pordoj" aludas tiajn sensorganojn, kiel la oreloj, okuloj, nazo kaj buŝo (Kp. "la pordoj de la Ĉielo" en la ĉapitro 10)



elĉinigis **Wang Chongfang**

## Poemoj el Hongkongo

*Nie Shizhi*

### Forigo de Malsato

en laciga somertago
rapidis mi en vesperruĝo
verda longa seĝo
min tiris suben por ripozo
dorsekline al la seĝo
mi foliumis libron
blankaj nuboj surĉiele
ĉasis unu la alian
malsaton mi sentas
legado povas ĝin forigi
trinkaĵ' freŝeco estas
sendita de folioj verdaj
sur la laŭbo



### Virina Strato

mi fingromontras la direkton
aperas la Virina Strato
plenas viraj necesaĵoj tie
T-ĉemizoj, zonoj, brakhorloĝoj kaj pantalonoj
kvazaŭ en la bildo poezia
ni promenas skizamaniere

ŝultr' ĉe ŝultro
avoj, patroj, knaboj kaj junuloj
ebrie allogataj
en akvario
ridetas fiŝoj el la tuta mondo
lante naĝas tien kaj ĉi tien

## Botelo Da Verda Teo

sub verda arb' mi suĉas verdant teon
formiko nigra maltrankvile
esploras min sidantan sur la ŝtona ŝtupo
printempo kmin forlasis
kaj restigis al mi l' verdant teon sen
sukero
por kiu luktas formiketo
nun ĝi rampas en botelon
folioj verdaj ĵus falintaj sur la tero
jam atingis la botelpostaĵon rondan
mi botelon tenas por defendi
surtable min atendas tuĉpeniko
por vekigi ĝin el siesto
kaj skui miajn pensojn
mi komencas verki por ke
ĝi absorbu min kaj l' verdan teon
sed la soif' infansimila malaperas tuje
poemo purblanka
surteriĝas fine

## Maljuna Ŝoforo

el lia cigaredo
leviĝas fum' leĝere
kvazaŭ flag' hisanta
rakonti ŝajnigante al ni
lian estontecon
emeritiĝo lia baldaŭa
blankigos liajn harojn nenecese
ĉesig' de veturigo nenecese tenos
lin for de la stirrado
sinua veturspur' sub radoj
kvazaŭe estas lia vivlinio
kiu kvankam radikiĝinta en li
tamen enteriĝas profundege
en maldensaj herboj liaj
kiam li frapetas inter fingroj
la cindriĝintajn jarojn
kvazaŭe li suspiras
pro kio, kiel la stirist' de feraj veturiloj,
ne subjugi povas
ŝanĝantajn la pluvŝtormojn sur la vojo

esperantigis *Fang Zhou*

MONDONACOJ

| | |
|---|---|
| Xie Fu'an | ￥50.00 |
| Zhang Jianlin | ￥20.00 |

KORAN DANKON !

Red.

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊

Eldonas Redakcio de *Penseo*
Disdonanto Lin Liyuan
Adreso: Ĉambro 501, N-ro. 72,
Strato Xitangxilu, Guangzhou,
Guangdong (510050)
..........................................
POŜT-KUPONOJ ESTAS BONVENAJ!
..........................................
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Shantou Universitato,Guangdong515063, Ĉinio
Tel: (0754) 2903012 (hejme)
E-poŝto: ydwei@stu.edu.cn
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_